UNUA JARO. — N° 15. Unu Numero : 10 CENTIMOJ. DIMANĈO 31 DECEMBRO 1905.

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO :
S° Paul BERTHELOT
CÉRET (P.-O.) Francolando.

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : 3 fr. por la tuta mondo.
10 abonoj ĉe la sama adreso : 24 fr. nur en FrancIando.
Luksa eldono, 12 n-roj, 4 fr.

REDAKTADO :
S° Ch. LAMBERT
10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Francolando.

Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.

REKLAMO-ANONCOJ
Agento Ĝenerala : S° EMILE GASSE
59, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

REKLAMO EN JENAJ REVUOJ KAJ GAZETOJ :
*Espero Katolika, The Esperantist, La Brita Esperantisto, La Germana Esperantisto, La Svisa Espero, La Juna Esperantisto, Esperanto Rusa, kc., kc.*

*La numero* **16** *de* **Esperanto** *eliros*
*DIMANĈO 14 JANUARO*

## NIA UNUA JARO

Jen la lasta tago de la jaro en kiu ni komencis nian iom riskan entreprenon de esperanta propaganda ĵurnalo. Estas nun tempo rigardi iom malantaŭe la vojon faritan.

Tuj de la komenco, multaj amikoj volis deturni nin de tiu laŭ ili trofrua kaj nesukcesebla provo : post kelkaj numeroj, — diris ili, — ni estintus devontaj ĉesi la eldonadon kaj repagi la abonojn.

Tamen, ni sukcesis publikigi dek kvin numerojn dum ses monatoj, kion nenia gazeto esperantista jam faris, kaj atingi nombron da vendataj ekzempleroj ĝis nun nekonitan en nia presaro. Nia stato estas tia, ke ni konfideme rigardas la venantan jaron, kiu alportos al nia kara afero nedubeblan sukceson.

* * *

Ho, ne demandu nin pri la faritaj profitoj ! Ĵurnalo ne faras profitojn jam ses monatojn post naskiĝo, eĉ se ĉiu estus bona paganto. Male, ni havas *debeton* iom gravan, kiun malavaraj samideanoj plenigis per senprocenta pruntedono. Sed tio neniel nubigas la helecon de nia estonto, kaj ni estas certaj ke, se niaj legantoj iom nin helpos, post unu jaro ni informos ilin pri mirigantaj profitoj, kiuj utilos por plua, senĉesa propagando.

Efektive, esploru ni la kaŭzojn de tiu malprofito. Certe, se ni estus agintaj laŭ la kutima timema maniero de multaj revuoj, ni estus sukcesintaj fari nian *looping the loop*. Sed, ni memoris ke nia gazeto estas *propaganda*, kaj ŝparo neniel estas bona propaganda rimedo. Volu nur niaj legantoj legi atente la jenon, kaj ili komprenos kiel, malgraŭ la neatendita sukceso de nia afero ĝi ne jam povis al ni redoni la monon, kiun ĝi kostis.

Nia unua numero — provo — estis malbela kaj nekontentiga. Tamen jam ĝi bone vendiĝis, dank'al kelkaj amikoj kaj grupoj, kiuj antaŭe mendis po 100 ekzempleroj aŭ pli. Kiel signo de danko por tiuj unuaj apogantoj de nia afero, ni promesas liveri al ili senpage la saman kvanton da iu ajn el la venontaj numeroj : ili nur pagos la transportan koston (1).

Multajn ekzemplerojn de tiu numero ni disdonis senpage en Svislando.

* * *

De tiu tempo, la nombro de ekzempleroj grandiĝis ĉiunumere. De 1 500 (n-ro 2-a), ĝi atingas nun ses mil, el kiuj ni vendas pli ol la triono, kaj disdonas alian triono. La cetero restas nevendita ĉe la tenejistoj kaj revenas al ni, du monatojn poste, nefreŝa, ofte makulata. Tamen tiuj ekzempleroj ne estas perdataj : niaj propagandistoj ilin aĉetas po 1 aŭ 2 frankoj cente (vidu ĉe anoncoj) kaj utiligas disdonante, disperdante, dissemante laŭ la okazoj kaj bezonoj.

Estas ja videble, ke ĉiu numero de *Esperanto*-ĵurnalo estas mem propagandilo kaj konvinkilo *per fakto*. Tre ofte ni ricevas leteron tian : « Sinjoro, Mi trovis vian ne- » konitan gazeton en la stacidomo, (aŭ : ĉe » mia libristo) kaj, tre interesata de l'afero, » mi petas vin sendi al mi la lernolibron. » Se oni scias, ke la gazeto estas elmetata vendote en preskaŭ ĉiuj bibliotekoj de francaj stacidomoj kaj ĉe multego de ĵurnalvendistoj francaj, svisaj kaj belgaj, oni ja komprenos la profundan efikon *propagandan* de la nova gazeto, ne kontraŭ la publiko jam esperantigita, sed kontraŭ la publiko, aŭ tute nescianta pri ĝi, aŭ skeptika kaj malbonvola.

* * *

Abonantojn ni havas tre malmultajn, kaj preskaŭ ĉiuj en fremdolando. Por pligrandigi tiun nombron, ni malfermis konkurson laŭ kiu la persono, kiu sendiĝos al ni la plej grandan nombron da abonoj antaŭ Pasko 1906, ricevos kiel premion, luksan *bicikleton*, je marko speciala « Esperanto ». Tamen, nemultaj estas la partoprenantoj, kaj tiu rimedo ne mirige sukcesas. Apenaŭ kelkaj timeme provas, kaj eble iu gajnos la bicikleton per 20 aŭ 25 abonoj, aŭ malpli. Tio pruvas al ni, ke ni devas konsideri la abonojn nur kiel okazaĵo, kaj ke niaj penoj devas celi la vendadon *ponumere*.

Tiu lasta donas al ni plenan kontentigon. Ĝi kreskas tiamaniere ke, baldaŭ, nia ĵurnalo povos konkurenci iajn politikajn gazetojn, kaj diri al kelkaj kontraŭdirantoj, kiuj neas la vivemecon de la lingvo : « Nur tian » por vi mem deziru ! »

Nenion ni kredas forgesi por atingi tiun rezultanton : prospektoj, afiŝoj, notoj en gazetoj, cirkuleroj kaj promesoj al la vendistoj, kc. Sed ni ne ĉie trovas pri tio tutan la dezireblan helpon. Se la plimulto el la gazetoj esperantistaj ĝojas pri nia sukceso, — kies profiton nur la lingvo gajnos, — kelkaj, malmultaj, ne donas al ni tutan la apogon, kiun ni rajtus esperi de samideanaj kunfratoj, kaj kiun ni neniam al iu rifuzis. Cetere ne mankas al ni aliaj propagandaj rimedoj. Unu el la plej bonaj, kiun ni varmege rekomendas al niaj amikoj, estas presigi en la lokaj gazetoj, regule aŭ okaze la avizon : *"Esperanto" est en vente dans toutes les gares, et chez M. X..., libraire, 10 centimes le numéro* ; sen plua klarigo : la scivolemo faros la ceteron.

Antaŭ konferencoj, festoj, kunvenoj proesperantaj, donu al ni frutempe ĉiujn informojn kaj detalan programon. Samtempe, konsentiĝu kun kri-vendisto al kiu vi promesos 25 0/0 rabate, kaj, je via avizo, ni tuj sendos al vi, senpage kaj afrankite, sufiĉan nombron da ĵurnaloj vendotaj ĉe la pordo de l'kunvenejo per via kriisto. Bone uzata, tiu rimedo estas miriga.

* * *

Ni estus volintaj gluigi afiŝojn propagandajn tra tuta franca, svisa kaj belga landaro. Sed la agentejoj postulas por tio milojn kaj milojn da frankoj. Tion ni faros poste, kiam ni estos riĉegaj. Dume, ni estu pli modestaj kaj kontentiĝu kun la jeno : ni presigas grandajn kolorajn afiŝojn reklamajn, kaj petas niajn samideanojn, ke ili bonvolu preni sur sin almenaŭ la elspezojn de afiŝado.

Afiŝoj en publikaj lokoj devas surhavi 18-centiman markon : la grupoj ja devus fari tiun elspezon propagandan, kiu havigus al ili novajn membrojn. Kie ili ne povas aŭ kie ne estas grupo, ni pagos ĝin parte aŭ tute, laŭ la okazoj : unuj helpu aliujn (1).

Kaj helpon de ĉiuj ni postulas. Profesoroj ne forgesu en viaj kursoj, paroladoj, kc., memorigi pri tiu levilo, kiu estas nia gazeto. Vojaĝantoj, postulu la ĵurnalon, — vian ĵurnalon, — en stacidomoj, kaj plendu se ĝi ne estas videble elmetita. Postulu ĝin en franca lando ĉe la korespondantoj de la *Messageries Hachette*, en svisa, de tiuj de l'*Agence générale des Journaux*, en belga, de la firmoj *Dechenne* kaj *Presse Universelle*, kaj informu nin pri ĉia neregulaĵo. Ni ja havas kontroliston, sed, se niaj amikoj volas, ili estos mem kontrolistoj multe pli taŭgaj.

* * *

Monajn oferojn, kompreneble, ni ne rifuzas, kiam ili alvenas, sed ni ne petas pri ili, ĉar ni sperte scias ke la plej varmaj esperantistoj ne estas la plej riĉaj kaj plie, ili estas tiel ĉiuflanke tiritaj de multaj aliaj tre interesaj entreprenoj, ke ni ne volas deturni la malsate atendatan almozon. Ni postulas pli : ilian kunhelpon. Ili volu relegi tiun artikolon, kaj trovos sendube, ĉiu en sia rilato, manieron utiligi por ni sian bonvolon kaj tempon.

Al ĉiuj dankon, kaj BONAN JARON !

LA ADMINISTRANTO.

(1) Poŝtpakajo afrankita ĉe domo : ĝis 150 ĵurnaloj, 1 fr.; ĝis 250 ĵ., 1 fr. 20 ; ĝis 500 ĵ., 1 fr, 50.

(1) Kosto de tiuj afiŝoj multkoloraj ;
Nestampitaj ; unu : 15 c/moj ; dek : 95 c/moj, afrankite.
Poŝtpaketo da cent afiŝoj, kun superpresita adreso de la loka grupo : 8 fr. 50, afrankite ĉe domo.
Por stampitaj afiŝoj, aldonu po 18 c/moj.
Provo : unu stampita afiŝo kontraŭ 2 poŝtmarkoj 15-c/maj el iu ajn lando.

## DIVERSAĴOJ

### Aldono

La presisto forgesis aldoni al mia artikolo de lasta numero de Esperanto-jurnalo pri *Esperanto en unuagradaj lernejoj* ke mi esperantigis ĝin laŭ artikolo de X. en la *Courrier de Saumur*.

Efektive mi tradukis ĝin preskaŭ laŭvorte, nur malpliilongigante.

Ni redonu al Cesaro tion, kio apartenas al Cesaro.

KOLO.

### Al SS. Sekretarioj de Grupoj

En nia lasta numero ni petis ĉiujn grupojn Esperantistajn doni al ni kelkajn informojn kiujn ni bezonis. Nur 87 grupoj jam respondis al ni. Parizo, Lyono silentis. Ni denove tre insiste petas la francIingvajn grupojn (franc=, belg=, svis=, kaj kanadlando) ne plu prokrasti informi nin poŝtkarte, pri jenaj demandoj :

1° Nomo de l'grupo ;
2° dato de fondo ;
3° nombro de membroj ;
4° adreso de la Sekretario ;
5° nombro de kursoj ;
6° ĉu la grupo estas filio de alia Societo.

Bonvolu respondi ĉiuj per aparta *poŝtkarto*. Ni nepre bezonas tiujn informojn por propagando en la nova jaro.

### El Tours

Multaj kamaradoj grupanoj de l'*Estonto Internacia* el Tours, Francujo, estus feliĉaj interkorespondadi kun kamaradoj de ĉiuj landoj.

La kamaradoj dezirantaj korespondadi kun nia grupo, estas skribontaj al Labora Oficejo, rue Bretonneau, 35, Tours.

Ni sendas niajn fratajn salutojn al ĉiuj grupoj de diversaj nacioj.

G. LOISON, *laboristo pentristo*.

### Pri Vortareto Esperanto-Esperanta

Kun intereso mi legadas vian Esperanto-Esperanta-vortaron en *Esperanto* kaj mi sciemas ĉu tiu ĉi vortaro estas aŭ estos aparte presata ? Ĉu la ? en la vortaro signifas ke la klarigo ne estas senduba ? Ĉe ĉikani ni Germanoj havas iom alian sencon, jenan : « turmenteti pri malgravajoj », « akre riproĉi » ankaŭ estas laŭ nia senco, sed la aldonita ekzemplo ne estas laŭ tio, tiu ĉi ekzemplo pli signifas « kalumnii aŭ kalumnieti » ; *ĉikano* laŭ nia senco nur estas ebla ĉe estranto kontraŭ submetitulo. Mi ja scias ke en nia germana vortaro ankaŭ estas donita kalumnia signifo, sed mi jam skribis pri tio Berlinon, kaj eble ĝi estos ŝanĝata en dua eldono de l' vortaro.

P. CHRISTALLER,
Stuttgart.

### Malbonigaj afiksoj

Oni demandas nin pri la preciza senco de la malbonigaj afiksoj -aĉ' kaj fi-. Jen kiel ni kredas povi respondi.

Ambaŭ alvortoj estas uzataj en la praktiko, sed kun esence malsimilaj sencoj : fi- rilatas malbonajon moralan, dum -aĉ' rilatas fizikan, Tiel malbela malnova dometo estos *domaĉo*, kaj belega palaco de malvirta riĉulo *fidomo*. Iu *homaĉo* povas esti tre honesta homo, dum *fihomo* povas elmontri noblan mienon : tion oni vidas ĉiutage.

Al tiuj du malbonigaj alvortoj oni devas almeti du, malofte uzataj, sed tre utilaj kaj signifaj : fuŝ- (germane : pfusch), kiel *fuŝlingvo, fuŝpentristo*, kc. kaj ve-, kiu signifas malbona antaŭsigno = la antikvuloj kredis ke korvo estis *vebirdo*.

### « Tra la Mondo »

Kun la decembra numero, *Tra la Mondo* plenumas sian unuan duonjaron je ekzistado. La intereso de la revuo ne malgrandiĝis eĉ unu momenton, dum ĝia prezentado kreskis je beleco en ĉiu numero per la nombro kaj la amplekso kreskantaj de l'ilustrajoj.

La kristnaska numero kaj tiu de l' novjara tago enhavas aparte tre belajn originalajn desegnajojn, kiuj donas al la revuo karakteron tute artplenan.

*Unu abono al* Tra la Mondo *estas novjara donaco el la plej agrablaj por nia legantoj* kaj ni instigas ilin, certaj ke ili tion ne bedaŭros, ĝin donaci al si aŭ al siaj amikoj aŭ esperantistaj lernantoj.

Malgraŭ la elspezoj de tia eldono, la jarabono kostas nur 8 frankojn. Deziranta ebligi por ĉiuj la akiron de tiu bela revuo, la administracio kreis kvaronjarajn abonojn (2 fr. 25).

Oni povas ankoraŭ aboni de la unua numero.

## PRI LA PROJEKTO DE S[ro] CHAPPELIER

III

Bonvolu permesi al mi respondi per malmulte da vortoj al la projekto de S[ro] Chappelier, kaj al la rezonadoj de S[ro] Bréal ĝin subtenantaj. Mi ne priparolos pri la principo de tiuj ĉi rezonadoj, kontraŭe, mi ĝin akceptos ; kaj, plie, mi limigos min al la praktika flanko, kaj al tiu flanko nur en la Unuigitaj Statoj.

Unue, mi diras, kun neniu timo de kontraŭdiro, ke naŭ dekonoj da Amerikaj studantoj de la lingvoj franca aŭ germana neniam akiras tian lertecon je tiuj lingvoj, kiel povi, eĉ iomete, eniri en la vivo aŭ pensado de francoj aŭ germanoj. Mi eble povas eĉ diri, ke la pligrandparto da tiuj studantoj neniam akiras la povon eĉ legi facile aŭ francon aŭ germanon. Sekve, Esperanto, de ĉiuj flankoj plimulte utilus al ili, tiom pli, ĉar ĝi pro ĝia facila lernebleco lasus al ili pli da tempo por lerni aliajn aferojn.

Due, eĉ la unu dekono, kiu pene akiras fine iom da konado pri la pensado kaj vivo de fremdaj nacioj per la studado de iliaj lingvoj, eĉ tiu dekono ne perdus ion, lernante Esperanton. Tia lernado, rilate al la tempo konsumita, estus por ili nur bagatelo : ĝi ne difektus por ili la studadon de iu fremda lingvo : fine, ĝi utilus grande al ili pri tiuj nacioj, kies lingvojn ili ne havas la tempon studadi.

La du cititaj argumentoj venkas la pozicion de S[roj] Chappelier kaj Bréal. Estas plie unu, kiu estas aparte forta en la Unuigitaj Statoj ; kaj kiu, mi timas, enuigos tiel la francojn kaj la francpartianojn, ke, kiam ili estos aŭdintaj kaj kredintaj ĝin, ili iĝos partianoj de Esperanto. Tiu ĉi argumento ruiniga estas la jena : S[roj] Bréal kaj Chappelier, vi estas eble pravaj pri via principo : sed tiam, vi devas anstataŭ la lingvo franca meti *la germanan*. Oni diras tie ĉi en Ameriko, ke la franca superas je la germana lingvo pri la belarto kaj la prozo ; sed ke ĝi malsuperas la lastan pri la scienco, la poezio, kaj la disciplino en ĝia studado.

Plie, rilate al la komerco kaj al nombro de parolantoj, la germana lingvo superas la francan. Tion ĉi diras ne nur la idoj de germanoj, kiuj eble estas kvinono de la loĝantaro amerika, sed ankaŭ la pligrandparto de la lertuloj kaj universitatanoj en mia lando. Mi mem, kvankam ĉiama amanto kaj preferanto de la franca lingvo, devas konfesi la fortecon de la pozicio de la germanpartiano. La saman konfeson sendube farus la profesoroj de mia universitato, — Harvard, — la universitato el ĉiuj tiuj en la Unuigitaj Ŝtatoj, kie la franca lingvo estas la plej ŝatata. Tie ĉi, en tiu ĉi universitato, S[ro] Hyde starigis ĉiamjaran kurson de paroladoj de francaj eminentuloj, tie ĉi estas multe da profesoroj kaj studantoj de la franca lingvo ; sed ankaŭ tie ĉi estas tiom da profesoroj kaj studantoj de la lingvo germana, tie ĉi ankaŭ staras la Amerika Germanika Muzeo, favorata de la Imperiestro Germana, kaj tie ĉi Profesoro Ostwald la eminenta fizikisto de Leipsig, tiun ĉi jaron paroladas pri ĥemia fiziko. Preterpasante, mi rimarkigas ke tiu ĉi eminentulo estas forta subtenanto de Esperanto. Kiel sekvo de parolado de li pri nia lingvo, grupo de studantoj Harvard'aj nun eklernas ĝin.

Permesu, fine, al mi resumi la situacion Amerikan pri la propono de S[roj] Bréal kaj Chappelier. Al naŭ dekonoj de studantoj amerikaj, Esperanto multe taŭgus ; iu ajn alia fremda lingvo neniu-maniere. Al la cetera dekono, la ellernado de Esperanto nur estus bagatelo ; ĝi ne malhelpus ilin en ilia studado de naturaj fremdaj lingvoj. Fine, se oni decidus devigi ĉiun lerni du naturajn lingvojn, oni kompreneble elektus tie ĉi en la Unuigitaj Statoj la lingvojn anglan kaj germanan. Sekve, *kiel praktikaj homoj, ĉiuj francpartianoj devas iĝi tuj Esperantpartianoj* ; tiom pli, ĉar Esperanto multe favoradas la francan prefere al aliaj naturaj lingvoj.

John F. TWOMBLY.
34, Green St. BROOKLINE (Mass.) U. Ŝ. A.

« DE »

*(Sekvo)*

SAMIDEANO kreas al si sian malfacilajon. Li insistas traduki nacian esprimon laŭvorte. Li turnu la trazon kaj diru : « S^ro V disigas X-on (dise) de Y per Z », kaj nenio mankas. Same ĉe la frazo el la kongresa programo : « La Calais'a grupo akceptos la kongresanojn » estas la plena signifo de la mallongigajo citita de li. La du serioj da nomoj en lia teksto estas nur mallongigajoj. Ili ne estas la plenaj esprimoj de la intencitaj ideoj, kaj pro tio erarigas la neatentulon.

Konkludo : ni ne bezonas du novajn prepoziciojn pli ol negro felan superveston,

J. ELLIS.
*(Lingvo Internacia).*

* * *

*De*, en Esperanto, havas ja du sencojn : 1^e sencon de formovo, fordaŭro, kies malo estas *ĝis* ; 2^e sencon de *genitivo* (de kiu = kies).

Oni ĝis nun ne tre sentis la malopórtunon kiun naskas tiu dusenceco. Tial mi konsilus ke, en ordinaraj okazoj, oni ĉiam daŭru uzi *de* ambaŭsence (sed neniam kun sencoj de *for*, *el*, *pri*, kiel ofte faras nespertuloj). Evarojn oni iafoje evitos per simpla uzo de l'adjektivo kiu, oni scias, facile anstataŭas genitivon en Esperanto.

Tamen se superaj spiritoj ne povas sin kontentigi per tio, kio ĝis nun kontentigis ĉefverkistojn el ĉiuj lingvoj, kie ekzistas la sama ambaŭsenceco ; aŭ se perfektiĝanta scienco de'l lingvajo ne plu permesas ĝin toleri, mi konsentas ke oni kreos novan prepozicion por uno el tiuj sencoj.

Sed por kiu ? En nuna esperanto estas neeble ĝin krei por la unua, ĉar al tiu unua senco estas ligita la uzo de *de* antaŭ komplemento de'l pasivo. *Amata de sia patro* : la ago venas *de* la patro ; *sin amigi de ĉiuj* la ago venas *de* ĉiuj. Plie multego da komponajoj fariĝus nekompreneblaj aŭ malĝustaj, kiuj nun estas tre klaraj : deiri, deveni, depreni, kc.

Se oni volas novan prepozicion, tio estas eble nur por la *dua* senco, por la senco de *genitivo*. Jam de longe oni proponis por tio la prepozicion italan *di*. Oni povus provi ĝin.

Kun tiu *di*, kaj aliaj prepozicioj ĝuste uzataj en ilia propra senco, oni povus traduki ĉi tiel la ekzemplojn, kiuj embarasas Samideano'n.

Akcepto di la Kongresanoj de la Calais'a grupo (al, pri, montras alian nuancon).

Almilito di Anglujo de Normanoj.

Foriro di Napoleono de (for, el, laŭ la nuanco) la Elba Insulo.

Disigo di Ludoviko XVI^a de (aŭ for) lia familio.

Dependo di ministroj de la Parlamento. Tie ĉi la prepozicio *de* estas uzata nur pro nelogika kutimo. Se francoj kaj rusoj uzas tiaokaze *de* (de, ot), angloj uzas on aŭ upon *(sur)*, germanoj uzas zu *(al)*. Mi pliamus pro logikeco *sub*.

Vido di la Blanka Monto de (aŭ el) la Brévent' monto.

Fine la terurajo :

Disigo di X for Y per Z de S^ro V.

Sed kiomofte oni trovas tiajn frazojn ? Ne tre ; feliĉe por ni. Kaj mi povas aldiri ke, en kia ajn lingvo, tiu kiu prezentus ilin al siaj legantoj sukcesus baldaŭ fermigi la libron. Inter dek manieroj diri klare la samon, oni povus skribi, sen iu nova prepozicio, eĉ *di* :

Disigo de la korpoj X kaj Y farita de S^ro V per reaktilo Z.

La frazo estas eble iom pli longa, sed ni ne intencas skribi en *Bolak*.

Do mi konkludas : nenia nova prepozicio, aŭ, *por okazoj de nepra bezono*, helpa prepozicio genitiva *di*. P. B.

## Federacio de la Oficistoj de Francujo

En ĝia lasta kunsido, kaj laŭ la propono de Sro Ch. Vergne, ĝenerala sekretario de la Federacio kaj membro de la grupo esperantista, la konsilaro federacia decidis prezentigi antaŭ la kongreso internacia de oficistoj, okazonta en Londono dum Paskaj Festoj 1906, raporton konkludantan akcepton de la lingvo Esperanto kiel oficiala lingvo de la oficistaj societoj.

Ĉar la oficiala uzado de nia lingvo dum la kongreso, kaj ĉar la akcepto de Esperanto kiel komuna komprenilo inter la potencaj societoj de oficistoj, kredeble kaŭzos la aliĝon de la tuta oficistaro al nia afero, tial, ni insiste petas ĉiujn samideanojn ke ili helpu kiel eble plej multe la aferon.

Inter la priparolotaj temoj estas : la ĉiusemajna ripozo, la nombro de laboraj horoj, la problemo de labormanko, pensioj por maljunuloj ktp. kaj la jenaj societoj jam sciigis ke ili sendos oficialajn delegatojn : Ligue nationale des Employés et Voyageurs, Vottem-Liège ; Fédération nationale de Dependientes, Barcelona ; International Retail Clerks Protective Association, Denver, Colorado U. S. A. ; Fédération nationale des Syndicats d'Employés, Parizo ; Fédération des Employés de France, Rouen ; National amalgamated Union of Shop Assistants, Warehousemen and Clerks, London ; ktp.

Sroj VERGNE, 35, rue Stanislas Girardin, Rouen kaj GEHET, 10, rue l'Ouest, Rouen, petas ĉiun esperantistan grupon ke ĝi bonvolu sciiĝi pri la kongresontaj societoj aŭ sindikatoj de sia urbo kaj disdoni en ili propagandilojn.

Ili danke respondos al ĉiu samideano tion farinte kiu informos ilin pri sia agado, eĉ se nesukcesinta.

Ili provos mem esperantistigi la kongresontojn (kiaj ajn estu iliaj opinioj pri korporaciaj temoj) por ke ĉiuj aprobu la raporton por esperanto kaj se eble uzu nian lingvon dum la kongreso.

Jen nova semejo antaŭ ni, amikoj ! La rikolto estu bona !

A. GEHET.

## ONI POVAS AĈETI LA GAZETON

## ESPERANTO

**en ĉiuj stacidomoj francaj kaj svisaj**

## EL TOULOUSE

Sro Kancellary, profesoro de germana lingvo en la Liceo de Tuluzo, malfermis la 2^an de decembro kurson pri esperanto en la popola Universitato *Popola Hejmo*. Tiu ĉi kurso okazas ĉiun sabaton je la duono de la naŭa, vespere.

Por utili al nia propagando ni organizas por la 1^a aŭ 2^a semajno de januaro grandan vesperkunvenon esperantistan en l'amfiteatro de la malnova Literatura Fakultato, strato de Rémuzat 17. Oni ludos *Une heure d'esperanto* de Cart. Poste venos fonografaj aŭdadoj de poezioj kaj kantoj esperantistaj. Trie, malgranda parolado por plenigi la informojn jam donitajn per l'agrabla verketo de S-ro Cart ; fine mallonga raporto pri la Boulogne'a Kongreso, akompanata de projekcioj de nia tre sindonema kaj agema sekretario S-ro G. Chalot, kiu samtempe plensukcese ĵus plenumis la ekzamenon por l'Atesto pri kapableco kaj parton de la ekzameno por la medicina doktoreco.

Li intencas malfermi baldaŭ kurson en la lernejo de junaj blinduloj de Tuluzo.

Kelkaj esperantistoj sin okupas krei grupon kaj organizi kurson en Montauban (Mo^ntoba^n).

L. DUBOIS,
*Prezidanto de la Tuluza grupo.*

POSTULU ! POSTULU ! POSTULU !

## * ESPERANTO *

**en ĉiuj librejoj kaj jurnalejoj.**

## EL AUXERRE

S^ro Cestre, eksprofesoro de la Auxerr'a gimnazio faris la 9^an decembro en la ĉambrego « Soufflot » tre interesan paroladon pri la unua Esperantista Kongreso de Boulogne-sur-Mer, okazinta en aŭgusta monato pasinta.

S^ro Cestre elmontris en sia parolado la kvalitojn ĉefajn kaj ŝatindajn ĉe parolisto ; la plenan konadon de sia temo kaj la konvinkiĝon. La respektinda profesoro estas efektive varmega partiano kaj fervora propagandisto de Esperanto. Li ne parolis malgrave, kvazaŭ pri temo trorapide prisentita nur unu tagon antaŭe, pri kiu oni baldaŭ ĉesos pensi, sed tutkore kaj tutanime, oni povas diri. La konvinko estas disvastiĝema kaj la sukcesis enfluigi sian entuziasmon en la animo de multaj geaŭskultantoj, ĉar la ĉambrego estis plena kaj la ĉeestantaro religie atentis.

Plie, per la elmontro kaj dividiĝo lerta de sia temo, per la talento kun kiu li sciis gravigi la konkludon sen trolongigi la antaŭparolon, intermiksi tie ĉi kaj tie, pliatentigi la aŭdantaron, kuriozajn aŭ amuzajn rakontetojn, oni vidis aŭ rememoris kiel bonega profesoro estis S^ro Cestre, scianta, dum la kursaj horoj, trakti la tutan enhavon de la leciono proponita, nenion forlasante, ĉiam elvekigante la atenton kaj intereson ĉe la lernantoj.

Fine, tre taŭgaj lumvidajoj pliĉarmigis la rakonton, kiu daŭris dum unu kaj duono da horo kaj ŝajnis mallonga laŭ la deziro de la ĉeestantaro.

Konkludante, S^ro Cestre, kun praveco, ne forgesis citi, inter la eminantaj esperantistoj kunvenitaj en Boulogne, la nomon de nia samlandano, D^ro Javal kiu dediĉas al nia ideo tutan sian fervoron kaj inteligenton.

Aplaŭdoj varmegaj kaj laŭtaj finigis la belan esperantistan paroladon de S^ro Cestre, nelacebla kaj ĉiam pli kaj fervora propagandisto de la nova lingvo.

P.-S. — De la oktobra monato, kursoj denove malfermiĝis en Auxerre : du kursoj, la unua elementa, l'alia supera estas faritaj en la popoladomo de S^roj Gendre kaj Cestre ; plie, S^ro Cestre faras semajnajn kursojn en la fraŭlina liceo, en la lernejo de estontoj instruistoj kaj en la normalaj lernejaj

AUXERR'ANO.

## EKZERĈOJ

### LA AKCIZEJO

B. — Ni alvenas al Alt-Münsterol, landlima stacio de Alsacujo, baldaŭ estos necese suferi la viziton de l'akcizistoj. Kia turmentego !

A. — Bah ! Ne maltrankviliĝu, mia maljuna Bernardo. La germanaj akcizistoj estas malpli turmentemaj ol la francaj.

B. — Cu ili parolas Esperante, diru Alfredo ?

A. — Ne ankoraŭ ; sed kelkaj el ili konas la francan lingvon, kio estas preferinda, tial ke Esperanto devas utili nur kiam mankas alia rimedo de kompreno.

B. — Kial oni ne fondus universalan akcizokunon ? Tiamaniere, tiuj malagrablegajoj estus maltruditaj al la kompatinda vojaĝanto.

A. — Kiu diras universalan akcizokunon, tiu diras plenan forigon de l'akcizoj.

*Akcizisto.* — Sinjoroj, volu iri al la akcizejo por la vizito de la pakajoj.

B. — Justa ĉielo ! Se nur oni ne konfuze metas miajn vestopecojn !

*Akcizisto.* — Cu vi havas ion konigotan ?

A. — Mi havas du aferojn akcizotajn, vi trovos ilin en mia valizo maldekstre.

*Akcizisto.* — Eniru en la oficejon, pagu al la kolektisto kaj postulu kvitancon. Kaj vi, Sinjoro ?

B. — Jen estas la ŝlosiloj de la seruro kaj de la pendseruro de mia valizo. Mi havas nenion konigotan.

*Akcizisto.* — Kio estas tiu lana ŝalo ?

B. — Estas ŝalo tia kian portas la Skotoj, kiam ili timas malvarmumi.

*Akcizisto.* — Cu Sinjoro estas Skoto ?

B. — Neniel ; sed mi tiom timas malvarmumi kiom se mi estus Skoto.

*Akcizisto.* — Tio ne estas kaŭzo por trompe evití la akcizon. Kio enestas en tiu kesteto ?

B. — Mi ne scias ; ĝi estas donaco kiun mia edzino sendas al germana sinjorino el siaj amikinoj.

*Akcizisto.* — Sed Sinjoro, estas Bruselaj puntoj.

B. — Ne eble !

*Akcizisto.* — Tiel, vi estas ĉehavanta komercajojn malpermesitajn, kaj vi diras ke vi havas konigotan nenion ! Mia devo ordonas ke mi konfisku tiun kesteton. La leĝo estas klarega kaj mi devas zorgi pri ĝia plenumo.

B. — Ho !

*Akcizisto.* — Vi povas prezenti proteston al la direktoro de la akcizejo.

B. — Ha ! la akcizo ! Ho ! la akcizistoj !

## KALAMBURO

— Kial novan rusan Parlamenton oni nomas « Regna Dumo » ?

— ? ? ?

— Tre klare. Ĉar ĝi estas tiel malperfektega, ke ĝi povas ekzisti nur *dume*...

*Ruslanda Esperantisto.*

## POR PROPAGANDO

Ni havas kelkajn nevenditajn numerojn resenditajn de la vendistoj kaj tenejistoj. Tiuj ekzempleroj estas ne tre freŝaj, iom flaviĝintaj au makulataj, sed ankoraŭ tre taŭgaj por propagandaj celoj, kiel senpaga disdono, intence perdo en legejoj, vagonoj, atendaj salonoj, por la hospitaloj kaj por ĉio kion povas eltrovi penso de lerta propagandisto. Ni povas ilin liveri *afrankite ĉe domo* por la jenaj prezoj :

| POSTPAKETO DA : | DUAEL EKTO | UNUA ELEKTO |
|---|---|---|
| 3 milgramoj (ĉirkaŭ 150 jurnaloj.) | 2 50 | 4 » » |
| 5 milgramoj (ĉirkaŭ 250 jurnaloj.) | 3 70 | 6 20 |
| 10 milgramoj (ĉirkaŭ 500 jurnaloj.) | 6 50 | 11 50 |

Supera elekto : tute freŝaj ekzempleroj. Unu cento : 4 fk., poŝto plie.

## AVIZO AL ABONANTOJ

Se oni ne esprimas malan deziron, ni komencigas la novajn abonojn de unu el la lastaj numeroj. De kelkaj restas al ni nur tre malmulte da ekzemplerojn. Ni povas ilin liveri je la jenaj prezoj :

N-roj 1, 2, 6 et 7 ĉiu 0.30
N-roj 3, 8, 9 et 10 ĉiu 0.20

La 12 unuaj n-roj, afrankite 2 fr.

**Komerca vojaĝisto** pri paperajoj aŭ similajoj, partiano de Esperanto estas petata sin konigi al administranto de tiu gazeto, informante pri la lokojn kiujn li trairas dum sia vojaĝoj.

PREMIÈRE ANNÉE. — N° 15. Le Numéro : 10 CENTIMES. DIMANCHE 31 DÉCEMBRE 1905.

# ★ ESPERANTO ★

JOURNAL DE PROPAGANDE POUR LA LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRATION :
M. Paul BERTHELOT
CERET (Pyr.-Or.) France.

ABONNEMENTS
24 numéros consécutifs, 3 fr. pour le monde entier.
10 abonnements à la même adresse : 24 fr.
Edition de luxe : 12 numéros, 4 fr.

RÉDACTION :
M. Ch. LAMBERT
10, rue Berbisey, DIJON (Côte-d'Or).

N'envoyer à la Rédaction rien de relatif à l'Administration.



*Le numéro* **16** *de* **Esperanto** *paraîtra* *DIMANCHE 14 JANVIER*

## ORGANISONS LA VICTOIRE !

Mil neuf cent cinq s'en va, vive mil neuf cent cinq !

Voilà une année bien remplie ; une année qui comptera dans les Annales de l'Esperanto ! C'est l'année du premier Congrès, de la première manifestation internationale où, en dehors des propagandes individuelles et locales, l'Esperanto s'est affirmé aux yeux d'un monde étonné. C'est un nouveau pas vers la Victoire, un nouveau coup de pioche dans le mur imbécile que l'inertie, la routine et la sottise dressent en face de tout progrès.

Et nous autres Français avons le droit d'être fiers de notre œuvre ; car, du nourrisson pâlot qu'était l'Esperanto il y a cinq ans, nous avons fait un gamin solide et combatif plein de vie et d'espérances.

Il y a quatre ans, à la même époque, pendant la veillée de Noël, Ahlberg, le secrétaire du Groupe Espérantiste de Stockholm, m'écrivait :

« *Sub la signo de l'potenca Trikoloro,*
« *Esperanto venkos la mondon.* »

Sous l'égide des puissantes trois-couleurs, l'Esperanto vaincra le monde.

C'est que la France s'éveillait enfin, c'est que notre propagande commençait à porter ses fruits ; et les amis lointains, confiants dans notre force intellectuelle, confiants dans notre activité, se souvenaient qu'il y a peu de progrès sociaux, peu d'œuvres humanitaires accomplies en ces temps modernes, peu de libertés conquises sans le secours de la France.

Et nous n'avons pas failli à notre devoir !

Et c'est avec quelque orgueil que nous pouvons rappeler ce que nous avons fait.

« Ne regardons pas en arrière, » m'écrivait récemment un Espérantiste.

Mais si ! regardons en arrière ! ne fût-ce que pour mesurer le chemin parcouru et le comparer à celui qui reste à faire ; ne fût-ce que pour reconnaître loyalement nos erreurs et essayer de les corriger. Sachons profiter des leçons du passé.

* *
*

En 1890, Monsieur Louis de Beaufront envoya son adhésion au Dr Zamenhof. C'est le début de l'histoire de l'Esperanto en France (1).

Pendant dix ans le nouvel adepte lutta avec courage et obstination pour faire connaître notre langue auxiliaire, et par suite des circonstances défavorables il n'y réussit guère.

Précepteur dans une famille d'une petite ville commerçante, sans titres universitaires, sans œuvres qui l'eussent fait connaître, il manquait de l'autorité nécessaire pour imposer au monde sceptique une idée si profondément discréditée par l'échec du Volapük. Comme Diogène, la lanterne en main, il cherchait *un homme*, un homme dont l'influence pût servir sa cause ; et l'homme fut difficile à trouver.

M. de Beaufront ne se lassa pas ; et cette obstination dans l'adversité, dans la lutte inégale, est admirable. Il traduisit la brochure de Zamenhof, rédigea le premier « Manuel complet » d'Esperanto, et les donna plus qu'il ne les vendit.

En 1898, il fonde simultanément, avec l'aide d'Espérantistes français et belges, son journal *l'Espérantiste* et la *Société pour la propagation de l'Esperanto* (S.p.p.E.).

Deux ans après, en 1900, la S.p.p.E., société qui alors, étant à peu près la seule, prétendait à être mondiale, ne comptait pas 400 membres dont 147 seulement habitant en France ; et parmi les 147 combien de *propagateurs* qui ne savaient même pas ce que c'était au juste que l'Esperanto !

C'est enfin en 1900 que M. de Beaufront trouva son homme ou plutôt *ses hommes*, dans l'Université de Dijon.

Charles Lambert, notre distingué rédacteur en chef, fait le 10 janvier à Dijon une conférence sur l'Esperanto ; il convainc son auditoire et principalement son collègue Charles Méray.

Et voilà les deux professeurs, les deux Charles, qui commencent une lutte ardente. Le mathématicien et le philologue, la main dans la main, foncent à la conquête de l'Université.

Ce fut Méray le plus acharné.

Aussi bien sa haute situation, sa qualité de correspondant de l'Institut, sa célébrité comme mathématicien, lui permettaient-elles de frapper dur et fort.

Quel entrain, quelle énergie ! Pas un mathématicien de France qui, pendant cette période, n'ait reçu des exhortations écrites, des prospectus, des brochures.

Avec quelle patience, mon cher Méray, pendant six mois, sans trêve, vous vous êtes efforcé de m'inoculer le virus Espérantin ! Ce ne fut pas sans peine ; et je conserve la lettre finale en Esperanto, où, nouveau César, traînant les vaincus à votre suite, vous me traitez de *fiŝo kaptita en viaj retoj !*

Concurremment deux autres universitaires, MM. Leau, docteur ès-sciences, et Couturat, docteur ès-lettres, fondaient, à propos de nombreux Congrès qui eurent lieu en 1900 à Paris, la *Délégation pour l'adoption d'une langue auxiliaire internationale*, et notre ami Laisant, toujours partisan du progrès, aidait les uns et les autres.

Cette année 1900 est la véritable année de *déclanchement* de l'Esperanto en France.

Non contents d'avoir trouvé des adeptes à l'Institut où le général Sébert se fit le défenseur de notre cause, non contents d'avoir groupé autour d'eux un noyau solide d'universitaires, Lambert et Méray s'attaquent au Touring-Club.

En octobre 1900, sous le pseudonyme *Sehel* (C. L.) que les lecteurs d'*Esperanto-journal* connaissent bien, Lambert écrit un premier article dans la Revue mensuelle du Touring-Club de France ; et depuis ce jour, sans interruption, pendant deux ans et demi, la Revue publia de chaleureux articles en faveur de notre langue.

— « C'est donc sérieux, l'Esperanto ? » me demanda un jour M. Baillif, le président du T.C.F.

— « Très sérieux, mon président. »

— « Mais vous savez, mon cher collaborateur, que le Touring-Club n'entreprend que des choses qui réussissent. »

— « Cela réussira ! »

— « Eh bien ! en avant ! marchons ! »

Et le Touring-Club a marché avec le Groupe Espérantiste de Paris ; et tous les Groupes de Province qui se sont fondés de 1901 à 1903 savent l'aide efficace et discrète qu'ils ont reçue de ces deux Sociétés.

Le branle était donné. Grâce à l'importante librairie Hachette qui osa braver le ridicule, les livres d'Esperanto parurent à foison et, comme les champignons naissent sous bois après une pluie bienfaisante, les étoiles vertes des Espérantistes émaillèrent le jardin de France. De toutes parts surgirent les bonnes volontés, et ce numéro tout entier ne suffirait pas pour citer la longue liste de ceux qui, connus ou inconnus, se dévouèrent avec enthousiasme au progrès de la cause.

L'on sait comment notre mouvement français déborda par delà nos frontières. La prophétie d'Ahlberg se réalisait. Le flambeau de l'Esperanto passait de mains en mains, se promenait dans toute l'Europe, traversait les mers, allait porter sa lumière féconde dans les coins les plus ignorés de notre globe ; et le Congrès de Boulogne n'a été, en somme, que la bruyante constatation d'un fait, le baptême du nouveau-né qui vit et ne demande qu'à vivre.

* *
*

Oui l'Esperanto vit. Mais, je le répète, et quoi qu'on ait pu dire, un enfant qui, tout vigoureux qu'il est, a encore besoin qu'on le nourrisse, qu'on le soigne, qu'on le guide.

Bien aveugles sont ceux qui, trompés par le mirage de succès inespérés quoique restreints, voient déjà le monde à travers le prisme de leurs illusions et croient qu'il faut libérer le jeune Esperanto de toute tutelle. Ils risquent fort de courir au précipice et de s'y abîmer d'un seul coup.

Les fêtes de Boulogne sont passées. Nous y avons discouru, déclamé, chanté, joué, dansé, bu et mangé pour la plus grande gloire de notre œuvre. Le bruit des flonflons espérantins a retenti jusqu'aux échos les plus lointains. La danse est terminée, c'est l'heure de travailler.

C'est l'heure de s'*organiser*, de grouper en un faisceau uni nos forces éparses, de se préparer à la lutte qui va commencer.

En 1900 on ignorait l'Esperanto, en 1903 on s'en moquait ; en 1905 on le connaît, on n'en rit plus, on le combat. Tant mieux !

Mais pour résister il faut s'unir.

Le Congrès dernier n'a pas osé. On a osé pour lui, et c'est très bien. Des deux comités vagues et mal définis, sans but et sans programme, qu'il a créés, sans rien créer, est sorti le *Centra Oficejo* issu de l'initiative privée. Remercions d'abord les amis de l'Esperanto qui ont su fonder cette œuvre utile qui, placée au-dessus de tous, impartiale, pourra devenir l'instrument d'union, le lien nécessaire qui resserrera nos rameaux dispersés.

Il faut que, dès maintenant, nous nous habituions à recourir à son entremise, à lui laisser la direction de la propagande *extra nationale* en attendant que le Congrès de Genève règle définitivement ses attributions et ses pouvoirs.

Voilà un premier point à régler.

Mais il y en a bien d'autres concernant les Sociétés nationales et la presse.

L'expérience, répétée maintenant dans plusieurs pays, nous a prouvé que l'Esperanto pour progresser a besoin de multiples foyers de propagande.

Tant que la Société pour la propagation de l'Esperanto a eu des visées mondiales, tant qu'elle a voulu, même en restreignant son action à la France, régler dans notre pays toute la propagande, tous les cours, toute notre activité par une direction unique et rigide, l'œuvre a végété. Mais lorsque, sous l'impulsion du Groupe de Paris et du Touring-Club, tous nos efforts se sont portés vers la fondation de groupes locaux, autonomes, réglant chacun leur propagande suivant les coutumes locales et les circonstances, le développement de l'Esperanto est devenu brusquement d'une intensité incroyable. Et les 147 membres de la S.p.p.E. de 1900 sont devenus plus de 4,000 en France pour la S.f.p.E. de 1905. Que nos groupes disparaissent et demain nous serons de nouveau 150 !

Il faut donc que nos Groupes vivent. Et pour vivre il leur faut des ressources, et l'expérience est là pour nous dire que les Espérantistes ne sont pas riches.

Et pour vivre il leur faut l'union morale, sans laquelle ils n'ont pas de raison d'être !

Un beau jour, après quelque conférence entraînante, sous l'impulsion de nouveaux apôtres enthousiastes, un groupe local se fonde. Les adhésions pleuvent, les cours s'organisent et l'on part du pied gauche avec l'espoir au cœur. Et puis, la phalange s'égrène et un beau soir on apprend que la S.f.p.E. a rayé de la liste des groupes qui n'ont plus d'*existence réelle*.

Au moment même où l'Esperanto triomphe, au moment où il semble que s'ouvre devant lui une voie jonchée de fleurs, on trouve des épines sous ces roses et le budget de fin d'année de la S.f.p.E. se boucle avec un déficit de 500 francs !

Une explication s'impose.

L'Esperanto est, avant tout, la langue étrangère des déshérités. Ceux qu'il attire à lui sont surtout ceux qui, sans fortune, n'ayant pu acquérir une ou plusieurs langues étrangères, voient en lui le moyen sûr de faire disparaître une inégalité sociale. Et ils sont légion. Et ce sont eux que votre propagande doit atteindre, car ce sont les vrais fervents, bien plus que ceux qui, par dilettantisme ou par un intérêt purement spéculatif, s'intéressent à l'Esperanto sans en avoir besoin. Mais pour les attirer et pour les retenir il faut deux choses : qu'on n'exige d'eux qu'un sacrifice pécunier minime et que l'Esperanto leur soit *utile*.

Ainsi posé, en attendant qu'un Carneggie dote l'Esperanto de capitaux sérieux, le problème me semble n'avoir qu'une solution possible.

Pour réduire les cotisations au strict minimum il faut que la totalité, ou la presque totalité, de la cotisation de chaque membre reste dans la caisse du Groupe local. L'éparpillement de l'argent versé dans plusieurs caisses conduit fatalement au déficit de toutes ces caisses. C'est ce qui arrive.

Pour rendre l'Esperanto utile il faut unir les efforts de tous ces groupes isolés, les mettre en contact, organiser des services réciproques, des échanges.

Et tout ceci conduit à un vaste système à plusieurs degrés fort simple :

Des groupes locaux nombreux et absolument autonomes *gardant chacun pour eux la totalité de leurs cotisations*, libres de s'organiser à leur guise.

Ces groupes fédérés en une fédération nationale, ayant au besoin un Bulletin officiel commun d'un prix très réduit et discutant chaque année leurs intérêts communs dans un Congrès national.

Et au-dessus de ces fédérations le *Centra Oficejo* et le *lingva komitato* réglant les questions internationales ou plutôt *extra nationales*, et organisant le Congrès annuel international.

Je sais bien que ce programme, cependant fort raisonnable, fera protester quelques conservateurs. Qu'avant de crier, l'on réfléchisse. J'émets une idée, qu'on la discute. Il ne s'agit pas de nier les services rendus, il ne s'agit pas de détrôner les uns pour les remplacer par d'autres. Il s'agit simplement de profiter des leçons du passé et du présent pour perfectionner et simplifier un organisme créé à la hâte, un mécanisme qui commence à gripper et qui cassera si on ne le répare pas à temps.

Une réforme de nos journaux espérantistes me paraît aussi nécessaire que le remaniement de nos groupements. Combien de ces feuilles éphémères avons-nous vu mourir à peine nées ! à tel point que tout faire-part de naissance d'une nouvelle gazette est accompagné d'un faire-part de décès d'une autre. C'est une fièvre de production, qui certes prouve la vitalité de notre entreprise, qui certes montre des efforts et des enthousiasmes, mais qui se manifeste dans un désordre, dans un chaos inextricable.

Tant que les Espérantistes furent peu nombreux, il n'y eut place que pour quelques feuilles-omnibus à la fois bulletins officiels de sociétés, revues littéraires et scientifiques, et journaux d'informations. Mais cet état aurait dû n'être que transitoire. Du jour où la clientèle était devenue assez dense et assez variée, les journaux d'eux-mêmes auraient dû se diversifier pour se cantonner chacun dans un domaine assez spécial pour ne pas se concurrencer lamentablement les uns les autres. Or, aujourd'hui, à part quelques bonnes revues qui se sont nettement spécialisées et qui vivent, nos gazettes, avouons-le, sont d'une terrible monotonie par la réédition à dix exemplaires de la même chronique, des mêmes faits-divers, des mêmes *sciigoj* répétés à l'envi.

Une classification et une réduction s'impose.

Les bulletins de sociétés doivent cesser de faire de la littérature et les revues littéraires de concurrencer les bulletins pour laisser également le fait-divers aux journaux d'informations à bon marché.

Dans un système rationnel, tel que je le conçois, il existerait d'abord des bulletins officiels de sociétés ou d'associations ou de fédérations.

Ces bulletins ne devraient contenir strictement que les communications relatives à la vie, au fonctionnement de ces sociétés. Rien de plus.

Nous viendrait-il à l'idée de chercher un

---

(1) Relevons ici une petite erreur qui fut signalée dans les *Annales politiques et littéraires* du 15 octobre.

L'honneur d'avoir été le premier propagateur de l'Esperanto en France revient à M. A. DEMONGET qui publia, au début de 1889, une brochure intitulée *Internacia ou Volapük ?* avant la chute définitive de ce dernier.

De même la brochure à laquelle il est fait allusion quelques lignes plus loin n'est pas une *traduction* du russe, mais une réédition de la brochure n° 4, originalement écrite en Français.

Ces petites rectifications ne diminuent en rien d'ailleurs les titres de M. de Beaufront à la reconnaissance des Espérantistes français.

N. d. l. R.

